# Boletín

## Federación Española de Esperanto

### Asociación de Utilidad Pública




N-ro 333 • Novenbro - Decembro 1997

// Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Aperanta de 1949

Hispana Esperanto-Federacio
Rodríguez San Pedro 13-3º-7
Es-28015 Madrid
Tel.+faksilo: +34-(9)1-446-80-79
info@esperanto-es.org
www.esperanto-es.org





*Noto*: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. La redaktoro ja rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.

**Enhavo**



# Estrarkunsido

La estraro de HEF kunsidis en la centra oficejo la 1an de novembro. ĉeestis: Miguel Angel Sancho, prezidanto; Pedro Garrote, kasisto; Manuel Parra, sekretario; Marcos Cruz, vicsekretario; Augusto Casquero, Luis Hernández kaj Miguel G. Adúriz, voĉdonantoj; kaj Ana Manero, konsilanto. Kontaktis la sekretarion kaj ekskuzis sian neĉeeston José María Galofré, telefone, kaj José María Rodríguez, interrete.

Interalie oni decidis:

Aĉeti malgrandan fortenejon (h: *trastero*), eble en la ĉirkaŭo de Valencio aŭ Madrido, por stoki la daŭre kreskantan nombron de libroj kaj dokumentoj de la Asocio.

Okazigi kunvenon inter estraranoj de MEL kaj de HEF por pritrakti la peton de la madrida grupo uzi la CO-on ekde venonta januaro por okazigi periodajn kulturajn aranĝojn kaj por deponi sian bibliotekon. MEL devos forlasi sian nunan ejon pro financa problemo.

Prezenti en decembro buĝeton por la jaro 1998.

Okazigi la 57an HEF-kongreson en Valadolido de la 1a ĝis la 3a de majo 1998, kaj konsideri petecon de la esperantistoj de San Javier (Murcia) por aranĝi la kongreson en 1999.

Relanĉi, okaze de la kongreso, la tradician kunvenon de la estraro kun la delegitoj de la kolektivaj membroj, t.e. la federaciitaj asocioj, kaj kun la plej aktivaj membroj.

Instigi ĉiujn Grupojn kaj Asociojn mendi siajn librojn pere de la libroservo de HEF.

Konfirmi ke s-ro Luis Hernández plu estos la reprezentanto de HEF en la komitato de UEA, kaj peti de UEA, sufiĉe akurate, la necesajn dokumentojn por ke la Estraro difinu la sekvendan politikon ĉe la komitat-kunsidoj de UEA.

Nomumi s-ron Augusto Casquero Estrarano pri Instruado, kaj kontakti la estraron de ILEI cele al rekonstruo de tiu asocio en nia lando, sub la kupolo de HEF.

Partopreni *Expolingua*-n en 1999, preparante, intertempe, ĉion necesan (informilojn, ktp.) por kiel eble plej deca prezento.

Peti de la konsilanto José María Rodríguez pristudi la impostan aferon de HEF, kaj, ĝenerale, la rilatojn kun oficialaj instancoj.

Serĉi novan respondeculon pri la aktualigo de la TTT-paĝoj de HEF, kaj kontrakti kun nova servilo nian interretajn servojn.

Klopodi vendi "samtempe" 1.000 ekzemplerojn de "El Quijote". Tiucele la Asocio kontaktos enlandajn kaj eksterlandajn grupojn, asociojn kaj privatu-

lojn. La prezo de ĉiu ekzemplero estus NUR 1.000 ptoj.

Proponi al Andaluzia Esperanto Unuiĝo la eldonon, en kunlaboro kun HEF, de la verko "Sanga nupto", okaze de la Jubilea jaro de la verkisto F. García Lorca.

Nomumi s-ron Antonio Marco patrono de Fundación Esperanto.

Aliĝi al la "Kampanjo 2000" de UEA.

Difini novan tarifon por komercaj reklamoj en Boletín (vd aparte).

Impulsi la Perkorespondan Kurson per pli larĝa propaganda kampanjo kun pagitaj anoncoj en naciaj ĵurnaloj kaj engaĝo de la E-grupoj, kiuj agus kiel perantoj, ricevante pro tio ioman maklerajôn.

Nova Retadreso de HEF **info@esperanto-es.org**

# Ni dronas en babelo!

*Miguel Gutierréz Adúriz*

Antaŭ ne longe mi fariĝis la nova redaktoro de Boleti'n, bulteno de Hispana Esperanto-Federacio, kaj, kompreneble, mi komencis ricevi ĉiujn informojn senditajn de "Interredaktore".

Sendube, la lanĉo de esperanta "novaĵ-agentejo" estas unu el la plej klarvidaj paŝoj lastatempe faritaj en nia komunumo. Mi esperas ke la libera trafluado de informoj estu, ne nur valora helpo al la redaktistoj de revuoj, sed, plej grave, esenca ligilo por strukturigo de kohera lingvokomunumo.

Tamen, nia unujara bebo, "interredaktore", suferas teruran malsanon. Ne temas pri kancero, meningito aŭ aidoso, sed pri malsano multe pli hontinda, se oni konsideras la lingvan naturon de la bebo. Jes, karaj, nian bebon trafis babelozo!

^c, c^, c', ch, cx... ~u, u~, u^, w, ux, ktp, ktp, ktp.

Ĉu ni definitive freneziĝis! Kiom da novaj "makrooj" mi devas ankoraŭ pretigi en mia komputilo, por pritrakti la elektronike ricevitajn informojn?

Ni ĉiuj devas alveni kiel eble plej baldaŭ al kompromisa konvencio aŭ la tuta afero dronos en maro da kaoso. Oni pensu ke, fakte, la adoptita solvo estos nur provizora, kaj ke klareco kaj simpleco gravas multe pli ol ajna alia stetika konsidero.

### Reklamoj en Boletín

Tarifo en pesetoj

| | |
|---|---|
| **Pri-esperantistaj reklamoj** | |
| tuta paĝo | 5000 |
| duona | 3000 |
| kvarona | 2000 |
| **Ne esperantistaj reklamoj** | |
| tuta | 6000 |
| duona | 4000 |
| kvarona | 3000 |




## Alakanto

La pasintan 23an de oktobro komenciĝis la novaj kursoj por la jaro 97—98: elementa kaj meza. La klasoj okazas marde kaj ĵaude de la sepa ĝis la oka vespere en nia provizora sidejo "Centro Loyola", s/Gravina 4, 1a.

José Miguel Bermabeu

## Andaluzio

AEU (Andaluza Esperanto-Unuiĝo) celebris kaj Ĝeneralan kaj Eksterordinaran Kunsidojn, la pasintan 18an de oktobro de 1997, en la "Centro Cívico" de Malago, sidejo de la HEF-kongreso en 1994.

Dum la Ĝenerala Kunsido debatiĝis pri la normala agado de AEU: precipa novaĵo estas, ke ĉijare la Asocio decidis donaci po unu ekzempleron de la E-lernolibro de M. G. Adúriz al 20 publikaj bibliotekoj de la provinco Kordovo. Fakte la libro jam troviĝas en la ŝrankoj de la bibliotekoj de la jenaj kordovaj vilagxoj:

Cordoba, Baena, Iznajar, Belmez, Cabra, Castro del Rio, Fuente Obejuna, Lucena, Pozoblanco, Puente Genil, Villaviciosa, Montilla, Villanueva de Cordoba, Peñarroya-Pueblonuevo kaj la Biblioteko de la Fakultato pri Filologio de la Kordova Universitatokaj kiu ankaŭ ricevis ekzempleron de la lernolibro verkita de Diego. Ĉio ĉi danke al la sindonemo de nia samideano J. M. Hernández.

Ankaŭ oni aprobis, ke en 1998 AEU donacos librojn al bibliotekoj de la provinco Jaeno. Dum la Eksterordinara Kunsido, debatiĝis la neceso iom modifi la Statutojn de la Asocio. Inter alie, oni aprobis modifi la artikolojn pri la estraro, pri aliĝ- kaj eksiĝ-kondiĉoj, pri buĝetlimo kaj pri la sidejo de la Asocio.

José Francisco Martín del Pozo

## Aragono

La Aragona Esperanta Societo "Frateco" lanĉis en la pasinta septembro sian ĉiujaran kampanjon per anoncoj en ĵurnaloj kaj radio por allogi novajn gelernantojn al elementa E-kurso, kiu komenciĝis en Zaragozo la 22an de oktobro, gvidate de nia kompetenta kolego Lorenzo Noguero. Alian kurson por praktikado de la lingvo gvidos samideano Antonio Valén aŭ Antonio Marco.

La estraro de la asocio kunvenis por atente analizi la financan situacion de la societo post la plialtigo de la lu-prezoj en nia lando, kio terure malfaciligis/as nian ekonomian disvolvon, kaj serioze minacas nian estonton. Por helpi la financadon de tiuj pagoj ni vendas la klasikan loterion de decembro. Ĉi-jare la numero esta: "12.067", kaj ni esperas ke ĝi riĉigos la aĉetintojn.

Aparte, oni kreis specialan komisionon, kiu zorgos pri la organizado de prelegoj kaj kunvenoj por festi venontjare la 90an datrevenon de la fondo de "Frate-

co", eble la sola E-asocio en Eŭropo, kiu, malgraŭ la intercivitana hispana milito kaj la dua mondmilito, ne fermis oficiale siajn pordojn. Ekzistas la firma decido de la membraro persisti en nia agodo malgraŭ ĉiuj baroj.

Antonio Marco

## Asturio

En la lasta kunsido de la estraro de AEA (Astura Esperanto-Asocio) oni decidis okazigi en la sidejo de la asocio, *Cátedra Jovellanos de Extensión Universitaria*, ekde la 12 de novembro, duagradan kurson por progresintoj sub la gvido de samideano Faustino Castaño. La asocio disdonos pakon de la kajero "Pro Esperanto" verkita dela antaŭa prezidanto de HEF, Antonio Alonso.

Sekvante la kutimon okazigi la Zamenhof-tagon alterne jen en Gijón jen en Avilés, Ĉi-jare la asturaj esperantistoj kunvenos en ĉi lasta urbo.

Faustino Castaño

## Bilbao

La E-Grupo de Bilbao jam disponas kristnaskan loterion (n-on 65.**887** (!). La biletoj estas en Esperanto kaj ili taŭgas kiel propagandiloj.Cetere progresiga kurso okazas ĉiu-vendrede en la sidejo de la asocio.

Problemoj ekzistas, sed la grupo alfrontas ilin kuraĝe, ekzemple: La urbaj respondeculoj mon-avide persekutas la gluadon de afiŝoj en la stratoj kaj tio malfaciligas la kaptadon de komencantoj. Fakte nia Grupo estis monpunita sed ni ne atentis pri tio, ĉar multaj asocioj troviĝas en la sama situacio. Nun la puno kreskis tiel ke ni ŝuldas pli ol 100.000 ptojn. Kaj la ŝuldo kreskas ĉiutage!

Dua malbona novaĵo estas ke ĉi-jare la Bizkaja "Diputación" respondis nee al nia subvenci-peto, kiu regule alvenis jam dum eble pli ol 10 jaroj.

Fine ni klarigu ke 2 jarojn post la renovigo de la konstruaĵo, en kiu situas la asocio, la mon-problemoj daŭras. Ni devis pagi preskaŭ 1 milionon da pesetoj. Feliĉe, la asocio trovis solvon kaj ĝi lanĉis "obligaciojn", kiujn ĝi vendis al siaj membroj. La kapitalo estas poe redonita (20 elcento ciujare) dum 5 jaroj, kun 2-elcenta interezo. [Jen ideo kopiinda de aliaj E-grupoj. Oni rikoltas la monon, metas ĝin en "invest-fonduson" kaj oni ricevas interezojn antaŭ sen pago de impostoj].

Nu, la problemoj kaŭzitaj de la malfacila mon-situacio bremsis la agadon de la asocio dum la pasintaj 2-3 jaroj, kaj ankoraŭ ĉi-jare sentiĝas ĝia misa influo.

J. Miguel García Iturrioz.

## Kantabrio

La Asociación Cántabra de Esperanto (ACE) daŭre kunvenas ĉiuvendrede en sia sidejo de San Fernando 58, p-8. La aĉeto de televidilo kaj videoaparato ebligas agrablajn vesperojn, en kiuj danke al la aventuroj de Mazi, oni paroligas la lernantojn de duagrada kurso.

Ĉi-jare la asocio festos la tagon de Zamenhof (tago de la e-libro) la 12an de decembro. La Ĝenerala Kunsido okazos en januaro 1998, kaj oni antaŭvidas revi-

gliĝon de la agado kun grandkvanta disdono de lernolibroj (Esperanto, curso del idioma internacional) al pluraj bibliotekoj de la regiono.

Maria Zocato.

## Katalunio

La 16an de novembro komenciĝos en Castelldefels la E-Babiladoj organizitaj de KAE (Kultura Asocio Esprantista). La temo estas "La klonado", kio ĝi estas? Ĉu ĝi kontraŭdiras al religiaj kredoj? Kio pri la animala genero? Ĉu en iuj aspektoj oni devas bremsi la sciencon?

Informas: Luis Serrano, tel: (93)-727-50-21.

KAE (Kultura Asocio Esperantista) eofertas loterion. Jen la numero: 62347. Minimuma "poŝta" mendo estas 3.000 ptoj. La Asocio festos la Zamenhof-festo en la urbo Terrassa la 14an de decembro. La rendevuejo estos la stacidomo de RENFE je la 10 h. 30 m., kaj oni vizitos la placon "Zamenhof", vizitos la urbon per aŭtobuso kaj la Muzeon de Scienco kaj Tekniko. Poste, kompreneble, oni havos komunan manĝon.

La Ĝenerala Kunsido de KAE okazos la 25an de januaro 1998 en "Centre Cívic de la Creu Alta", Major 70, en Sabadell je la 10 h. 30 m..

Ankaŭ BEC (Barcelona Esperanto-Centro) ofertas loteri-biletojn (n-ro 22.853), kaj informas pri la celebrado de la Zamenhofa Festo, la 16an de decembro je la 19 h 30 m., en sia sidejo de strato Carreras Candi 34. Laux la programo estos lunĉo, salutos la grupoj kaj oni prezetos la libron "Ekstremoj" de Fernández, Camacho, Neves kaj Dek.

Rilate al la "Deklaro de Valencio" (vd. Boletín 332, 12a p.), BEC gratulas la kongreson kaj proponas: 1— Publikigi la deklaron en ĉiuj bultenoj. 2— Organizi kunvenojn por pritrakti la 3an artikolon de la Universala Deklaracio pri Homaj Rajtoj. 3— Debati inter la esperantistoj la signifon de la vorto "neŭtrala". 4—lanĉi internacian debaton por ke Internaciaj E-Asocioj subtenu la "Deklaron de Valencio".

## Madrido

Jam estas preta Loterio kiu helpas la asocion, MEL (Madrida Esperanto-Liceo) ekonomie. Temas pri la numero 45.680. Ĉiu bileto kostas 200 pesetojn (eblas poŝta sendo kun antŭpago pere de poŝtmandato).

Ĉiu-lunde la membroj de MEL kunvenas, ekde la 18,30 horo, ĉe MEL, Atocha 98 — 4Ŭ. Venonta prelego, "Bunta Gvatemalo" fare de Lupe Sanz, okazos je la 19,30 horo la 17an de Novembro. Kursoj okazas en "Centro Cultural Maestro Alonso" (kvartalo Ventas). Merkrede 18.30 ĝis 20.00. Centro de Día Puente de Toledo. Mercedes Arteaga 18. Kiel kutime la bankedo (tagmaĝo) por festi la tagon de Zamenhof okazos en Hotel Puerta de Toledo la 20an de decembro (14.30 h). Interesatoj telefonu al Pepe Platas 468-51-63.

Lupe Sanz.

## Murcio

Ĉiu merkredo kaj vendredo, de la 15a de oktobro ĝis la 22a de marto, okazos la 3a baza kurso de Esperanto en la "Centro Cívico Parque Almansa" de San Javier, Murcio. Por informi pri la kurso la urbodomo eldonis 400 A4-formatajn informilojn kaj 400 grandajn afiŝojn por glui surstrate.

La redaktoro de la TTT-paĝoj "Esperanto España", nia samideano Jesuo de las Heras, informas ke la paĝoj havas novan adreson. Jen ĝi: http://www.distrito.com/esperanto/.

## Segovio

César Mosteyrín daŭre instruas Esperanton en la urbo Segovio, en la Centro por Tria Aĝo. Kompreneble estas nenia aĝ-limo por la gelernantoj.

Nia Voĉo.

## Valadolido

La 12an de oktobro en la *Domo de Cervantes*, kadre de la kultura programo "Matenoj de la Biblioteko", kiel omaĝo al Miguel de Cervantes, aŭtoro de la senmorta verko "La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha", tradukita de Fernando de Diego en esperanton, du membroj de la E-grupo Fido kaj Espero, d-rino Rafaela Urueña kaj Kanonigo Jonás Castro legis en la internacia lingvo la 38an ĉapitron de tiu mondfama verko, kiun oni povas aĉeti ĉe la libroservo de HEF.

Por ke la aŭskultantaro, plejparte ne esperantistoj, komprenu la tekston, tri membroj de la institucio Akademio pri



*Intervjuo al partoprenantoj de la valencia kongreso ĉe radiostacio.*

Beletro de Valadolido legis la saman ĉapitron legis la saman ĉapitron en la hispana.

Fine, laŭ peto de la direktorino de *La domo de Cervantes*, Rafaela Urueña diris kelkajn vortojn klarigante kio estas Esperanto.

La ĉeestanta publiko ricevis senpage informilojn kaj ekzemplerojn de la kajero "Pro Esperanto" ĵus eldonita de HEF.

Luis Hernández

## Valencio

La valenciaj e-istoj celebros la datrevenon de la naskiĝo de Zamenhof la 20an de decembro en Cheste per diversaj aranĝoj. Je la 12a h.: prelego fare de s-ro Jesús Raposo. Je la 13a h.: ofero de flora honorkrono al Doktoro Zamenhof. Je la 14a h.: oficiala bankedo. Fine de la bankedo oni transdonos memorŝildon al la urbestrino de Cheste.

VEG (Valencia E-Grupo) partoprenas la kristnaskan loterion per la numero 26967. senpaga E-kurso okazas la merkredojn ekde la 5a de novembro en E.P.A. Reina Doña Germana, Avd de la Constitución 284.




# 5a IESKT

*Luis Serrano Pérez*

La 5a Internacia Esperanto-Semanjo de la Kulturo kaj la Turismo okazis en Sant Carles de la Rápita (Tarragona) de la 4a ĝis la 11a de oktobro 1997. Aliĝis 68 gesamideanojn (20 eksterlandaj) kaj ĉeestis 65. tio evidentigas, ke iom post iom nia kultura kaj turisma rendevuo progresas.

La programo disvolviĝis laŭ antaŭvidite. La 4an okazis la inaŭguro prezidata de la loka urbestro s-ro Josep Lluis Salvado i Tenesa, kaj apud la prezida tablo ankaŭ troviĝis la urba konsilanto pri Turismo kaj Komerco, la Prezidanto de la "Semajno" s-ano Lluis M. Yzal, S-ano Manuel de Seabra, kiu tuj sekve prelegis kaj la subskribinto, kiu agadis kiel prezentanto. La urbestro prezentis per paroladeto la urbon, ĝian historion kaj antaŭviditan estontecon. Lian akceptan paroladon simultane tradukis s-ano Seabra. Menciinda estas ankaŭ la kantado de la *Orfeo Paul Casals*. Okazis 5 prelegoj. S-ano M. de Seabra prelegis pri la temo "Kio estas la literaturo?". Interesa prezento pri la rilatoj de la verkisto kun si mem, kun la homaro, kaj la historio. S-ano Jesús Raposo Montero prelegis pri la temo "Homaro, kreanta naturo". La tuta prelego estis laŭdo al la homo kiel natura estaĵo, la medio en kiu konstante malpliboniĝas. "La signo de la progreso" estis la prelego de S-ano Giordano Moya. Li analizis la situacion de la nuna mondo kaj la gravan rolon de la E-movado. "Kial ekzistas senlaboreco" estis intereza disertacio de s-ano Wolfgang Gunteher pri la eblecoj de pli bona kunvivado se oni akceptus la georgisman filozofion, kies bazo estas la nepropieto de la tero. "La internacia lingvo kiel preventilo de la noosfero" estis klarigo pri la rolo de Esperanto kiel komunikilo por tiu nuna problemo, kaj analizo de la nova studo de la tero laŭ la nuna filozofio de la "Noosfero". Fine de ĉiu prelego okazis pasiaj kolovkoj kun vigla diskutado inter la ĉeestantoj kaj la preleginto. Certe la ĉeesto de 18 eksterlandaj samideanoj levis la nivelon de la diskutoj.

Entuziasmo kaj vigla diskutado ekestis ankaŭ en la vesperaj debatoj pri la temoj: "Kio pri la familio?" kaj "Kio pri la eŭropa Unio?".

Ĝuinda estis la tuttaga ekskurso al la grotoj de Benifallet, kun stalagtitoj kiuj pendas ne vertikale sed horizontale. Alia ekskurso konatigis al ni rizplantejon en la delto de la rivero Ebro, kie ni povis spekti la alvenon de migrantaj birdoj, boat-vojaĝon en la enfluejo kaj viziton al naturaj parkoj tie ekzistantaj.

Mi ne forgesu mencii la grandan instruan laboron faritan, laŭ la Cehs metodo, de nia itala s-anino Carla de Lorenzi, kies simpatio kaj entuziasmo venigis lernantojn kaj progresintojn.

Post la vespermanĝoj okazis distraĵoj, krom en la tagoj kun debato. Ni menciu la trinkadon de *Cremat* (flamigita rumo) dum ni aŭskultis la havankantojn (*havaneras*) de la *Orfeo Pau Casals*.

Mi esperas ke la venonta jaro, ĉu eble en Calafell, ni povos ĝui ankaŭ same komfortan ejon kiel ĉi-jare en "Hotelapartamentos"

Ĝis la venonta "Semajno", ni atendas vin!




*(de maldekstre) La urba konsilanto s-ro Oscar Capilla, Luis Serrano, Luis m. Hernández, la urbestro Josep Lluis Salvado kaj la verkisto Manuel de Seabra.*




## Kampanjo 2000:

### Strategia Forumo de la Esperanto-Komunumo

La problemo ĉe jarmiloj estas ke ili daŭras mil jarojn, kaj sekve oni havas la bonŜancon travivi maksimume nur unu jarmil-Ŝanĝiĝon. Pro tio oni devas utiligi tre intense tiun unu.

Tion eble pensis la komitato de UEA, kiam ĝi decidis lanĉi la Kampanjon 2000. Kaj tion eble pensis ĉiuj "simplaj" esperantistoj, kiuj divers-maniere aŭdigis sian voĉon por aprobi la kampanjon kaj por puŜi la Esperanto-organizaĵojn meti flanken la rutinajn zorgojn kaj la rutinajn en-asociajn kaj inter-asociajn kverelojn kaj por retrovi la komunan celon: disvastigi la internacian lingvon kaj fortigi ĉiujn aspektojn de ĝia komunumo.

Vi scias ke la simpla uzo de la vorto "komunumo" anstataŭ la vortoj "movado" aŭ "parolantaro" puŜas niajn disputistojn al longaj, kleraj kaj bedaŭrinde tro ofte tedaj sociologiaj analizoj kaj kontraŭanalizoj.

Ĉiukaze iu devis komenci Ŝanĝi la situacion, kaj la komitato de UEA komencis. En Adelajdo ĝi instrukciis la prezidanton "serĉi vojon por plej vasta kaj plej efika kunlaboro en spirito de reciproka interkompreniĝo kun ĉiuj asocioj kaj instancoj, kiuj okupiĝas pri Esperanto".

La asembleo de SAT, dum la SAT-kongreso, iel reeĥis je ĉi tiu sugesto per tondra aplaŭdo.

Tiel naskiĝis la ideo formi, okaze de la Kampanjo 2000, Strategian Forumon de la Esperanto-Komunumo. Ĝi estas nenio alia ol organo formata de ĉiuj prezidantoj de organizaĵoj kaj instancoj, kiuj okupiĝas pri Esperanto, kaj ĝiaj celoj estas:

—diskuti kaj identigi la kontribuon de diversaj organizaĵoj en la Esperanto-komunumo;

—diskuti kiamaniere la diversaj organizaĵoj povos kune fortigi nian movadon, interne kaj ekstere de la komunumo;

— identigi komunan strategion kaj konkretajn laborprogramojn ĝis la jaro 2000.

La sekva paŜo, ĵus plenumita, estis dissendo de invitiloj al cento da plej diversaj organizaĵoj por ke ili partoprenu la Forumon.

La invitiloj iris al ĉiuj, de SAT al KCE tra la Akademio de Esperanto, AIS, la PEN-klubo, la organizaĵo de la fervojistoj, de la kat-amantoj ktp.

La grandaj kaj konataj organizaĵoj, UEA mem, SAT, ILEI, TEJO jam anticipe certigis sian partoprenon. Multaj el la

ceteraj esprimis intereson kaj espereble baldaŭ respondos jese.

La antaŭvidata laboro konsistas por la momento en skriba

interkonsultiĝado pri la realigo de la supre indikitaj celoj kaj en la organizado de unua kunveno de ĉiuj organizaĵoj dum la venonta jaro en Francujo, iel ekspluatante la organizajn eblecojn de la kongresorganizantoj de la venonta Universala Kongreso. Poste, kompreneble, la forumo povas preni siajn decidojn, kaj aranĝi siajn memstarajn aranĝojn.

Ĉu ĉio estas jam klara? La respondo estas: apenaŭ!

Unuflanke oni rajtas sin demandi ĉu kunlaborigante ĉiujn ekzistantajn Esperanto-instancojn, oni havas organon vere reprezentan pri la "komunumo".

Bedaŭrinde mi kredas ke jes. Efektive laŭ mi anoj de la komunumo, kiuj ne estas anoj de unu el la kunvokitaj organizaĵoj, ekzistas nur malmultnombre.

Temus pri neorganizitaj esperantistoj, homoj, kiuj lernis la lingvon, plukonas ĝin, sed estas komplete for de la organizita agado. Certe tiaj esperantistoj ekzistas, kaj mi estus tre kontenta se ili estus milionoj, sed mi havas la impreson le ili ne estas milionoj.

Aliflanke la invititaj organizaĵoj kaj instancoj estas relative malsimilaj inter si. Kelkaj estas internaciaj organizaĵoj kun landaj sekcioj en pluraj landoj. Kelkaj estas gravaj lokaj kulturaj centroj, kies agado tamen celas esence internacian publikon. Kelkaj, kiel la akademiaj instancoj, havas

strukturon kaj membraron tre influan sed tre limigitan. Kiel vi povas kompreni estas vera defio trovi strukturan kadron en kiu ĉiuj tiaj malsamaj organizaĵoj povos efike kunlabori kaj helpi unu la alian.

Aliflanke tion postulas la intereso de Esperanto kaj tion postulas la ordinaraj esperanto-parolantoj.

Mi vetas, fakte, ke ĉiuj el vi, legantoj, iam en sia vivo aŭdis de loka esperantisto la frazon: "Kiam ili ĉesos kvereli inter si kaj faros ion por Esperanto?".

Al tiu defio ni volas respondi. Ni volas pruvi ke esperantistoj kapablas uzi sian komunan lingvon ne nur por disputi inter si sed ankaŭ por kunlabori.

Jam estas tempo forlasi la mallarĝan asocian egoismon. Neniu volas engluti iun. La bonfarto de ĉiuj asocioj dependas de la forto de la aliaj. Se SAT havus cent mil mebrojn, am-rilatojn kun Unesko kaj konsultajn rilatojn kun Clinton persone, ĉu vi pensas ke la situacio de Esperanto kaj sekve de UEA kaj ĉiuj ceteraj organizaĵoj estus pli bona aŭ pli malbona? Se Eventoj aŭ Heroldo havus cent mil legantojn kaj iĝus tag-ĵurnaloj, ĉu vi pensas ke tio ne pozitive influus ankaŭ ĉiujn ceterajn Esperanto-instancojn? Kaj se KCE aŭ Kastelo Greziĵono devus aĉeti ĉiujn kastelojn de sia regiono por gastigi la amasojn, kiuj volas partopreni iliajn aranĝojn, ĉu tio ne finfine pozitive influus ankaŭ la vendojn de via libroservo? Do, ni provu kreski ĉiuj kune.

renato corsetti; colle rasto i-00036 palestrina italujo; corsetti@itelcad.it




**Brazilo**

Oni inaŭguris Esperanto-Kurson ĉe la Ŝtata Universitato de Feira de Santana. En Federacia Distrikto (Brazilo), oni markis la daton per ekspozicio en Biblioteko "Machado de Assis", ĉe Industria Lernejo de Taguatinga. En la urbo Braziljo, La Lingva Centro de Eduka Fondaĵo, kie Esperanto estas laŭleĝe instruata, okazis Solena Sesio en la ĉefa aŭdotorio je la 7a horo ptm. Autoritatuloj salutis la esperantistaron kaj Grupo Nova Erao prezentis esperantajn kanzonojn. En "Liberty Mall" okazis E-ekspozicio.

**Hungario**

Oni kaptis la okazon de la Ago-Tago por kunfesti la naskiĝtagon de D-ro K. Kalocsay, unu el la plej elstaraj verkistoj en la E-historio. La televido atentis la E-informado en la lernejoj.

**Italio**

En Triesto, Italio, dum la tuta semajno la ĉefa librovendejo de la urbo disponigis montrofenestron speciale por Esperantaj verkoj. Samloke, en la prelega salono, sabaton matene okazis la gazetara konferenco, kaj posttagmeze prelego por la ĝenerala publiko, kiam Triesta E-Asocio prezentis sian agadplanon por 97/98.

**Kroatio**

Kroata Esperantista Unuiĝo aranĝis informbudon en la ĉefa zagreba ĉiovendejo "NAMA". Grandan intereson vekis kolekto de lernolibroj kaj lerniloj por diversaj aĝgrupoj. Multaj vizitantoj interesiĝis pri la elsponitaj religiaj eldonaĵoj, ktp.

Krome, pere de afiŝoj oni prezentis la agadon de KEU (fotoj), E-o ĝenerale, ZEOj, E-alfabeto preparita de junaj E-istoj, gramatiko de E-o.

Dum la ago-tago aperis anonco en unu el la plej grandaj taggazetoj. KEU ne nur agis en la magazeno, sed ankaŭ en kelkaj bazlernejoj.

la Esperanto-Klubo en Rijeka festis 90 jarojn de sia registriĝo kun gasto -hungara Esperanto-verkisto kaj prezidanto de la Esperanta PEN Nemere Istvan. La gazeto Novi list lige al la jubileo publikigis tutpaĝan intervjuon kun Radoslav Ŝkalamera pri Rijeka.

Studenta Esperanto-Klubo organizis la malferman tagon (pri ĝi informis 3 plej grandaj ĵurnaloj, kvin lokaj radiostacioj kaj OTV). En Esperanto-Klubo Bude Borjan komencis du kursoj.

Orbis Pictus el Triesto organizis Turisman Semajnfinon en la regiono Zagorje. En Pula oni malfermis Esperantan libroekspozicion en Nacia Biblioteko kun la ĉeesto de televido kaj la ĵurnalo Glas Istre. Pri la Esperanto-Literaturo parolis D-ro Ivo Borovečki. Okaze de la Internacia Infana Semajno en la fokuso estis infanlibroj en Esperanto.

Zagrebaj lernantoj de Esperanto akceptis viziton de hungaraj esperantistoj el la lernejo Laszlo Nagy el la urbo Papa.

**Irano**

Okaze de la ago tago estis lanĉitaj novaj E-kursoj en Tehrano. Ankau Sabz Andiŝan Instituto(SAI) mendis anoncojn en diversaj naciaj gazetoj pri korespondа E-kurso kiu sukcese de la pasinta estas aranĝata.

**Normaluja Respubliko**

Ĉar ĉiu agado ĉiam enhavas la riskon de malsukceso, eraroj, kaj fiaskoj nia moŝta Esperanto-Asocio de Normaluja Respubliko decidis bufari nenion ĉi-jare. Tiu koncepte ĉiam bone sukcesas, kiel pruvas la spertoj de la antauaj jaroj. Almenau ni neniam ricevis kritikojn ĝis nun!

En la nomo de la estraro de EANR

P. Hipokrito

**Rusio**

Moskvaj esperantistoj lanĉis kampanjon por informado de ĉiuj deputitoj de Ŝtata Dumo (parlamenta ĉambro de deputitoj) kaj de Moskva Urba Dumo (urba konsilio).

Intervjuoj kaj informoj aperis en pluraj ĵurnaloj kaj radiostacioj: "Radio de Rusio", Rusa Servo de BBC, anglalingva ĵurnalo "Moskow Times", "Literatunnaja Gazeta".

En Maĥaĉkala (ĉefurbo de Respubliko Dagestan) okazis gazetara konferenco kun partopreno de du lokaj televidkompanioj, respublika ŝtata radio kaj pli ol deko de ĵurnaloj. Por ĵurnalistoj estis organizita ekspozicio de esperantaĵoj. Ĉiuj ĉeestintaj amaskomunikiloj samtage aŭ sekvonttage publikigis materialojn pri la Ago-Tago kaj/aŭ Esperanto.

**Norvegio**

Inspirite de la vidpunktoj de Claude Piron ni verkis gazetaran informon pri la "Europanto"-afero, citante el la letero de la iniciatinto al Germain Pirlot, kaj faksis ĝin al la tri ĉefaj norvegaj gazetagentejoj, kaj al kelkaj aktualaj norvegaj gazetoj.

Douglas Draper, sek. NEL



**Usono**

En Atlanta, Georgia, la loka grupo (Esperanto Societo de Metropola Atlanta) havis budon kiel parto de la Festivaloj de Kulturoj ĉe la Centjara Olimpika Parko. Oni disdonis varbilojn (enklusive la unuan lecionon de la usona senpaga poŝta kurso) kaj montris Esperantajn gazetojn, librojn, kaj muzikon.

randy dean = dean@avana.net

**Francio**

Per la ekspozicio de Esperanto France-Est kaj materialo disponigita de TAKE-La domo, Michel Basso kaj Edmond Ludwig prezentis Esperanton dum la tago de la asocioj de Wintzenheim. Montrigxis refoje, ke la ekspozicio estas bona rimedo por allogi la homojn, kiuj post iom da legado starigas demandojn, kiujn la dejxorantoj iom post iom povas respondi. Kvankam malgrandas la loka grupo, Esperanto igxis realajxo surloka. Per tiu reklamado TAKE-La domo rekomencis agadjaron por pligrandigo de la loka skipo.

Edmond Ludwig




## Esperantisto fariĝas ministro

D-ro Hosejn Namazi antaŭ nelonge estis nomita kiel la nova ministro pri ekonomio kaj financaj aferoj de islama respublika Irano.

D-ro Hosejn Namazi eklernis E-on en 1992 pere de kusro de D-ro Saheb Zamani en Beheshti, universitato de Tehrano. Lerninte E-on li sendis pozitivan leteron al la alta kultura konsilio de Irano, esprimante sian opinion ke E-o estas la plej bona komunikilo inter la homaro. Ŝajne, li estas la unua Irana esperantisto kiu havas altrangan oficialan postenon en la registaro.

M.Reza Torabi

## Naskiĝis: www.esperanto.net

Kiu TTT-adreso estas la plej taŭga por informi pri Esperanto en aliaj lingvoj? Verŝajne vi konas la adreson: http://www.cs.chalmers.se/~martinw/esperanto/multling.html, kie ĝis nun troviĝis la plej kompleta kolekto de ligoj al alilingvaj, pri-esperantaj paĝoj en la Reto.

Bedaŭrinde, ĉi adreso estas longa, malbone memorebla, kaj ne restos eterne. Forgesu ĝin! La tuta kolekto nun moviĝis al nova, facile memorebla adreso, kiu daŭre restos stabila: http://www.esperanto.net aŭ simple: www.esperanto.net (Fakte, eĉ la "www." ne estas necesa.).

En la "Multlingva Inform-Centro" parolantoj de 25 diversaj lingvoj trovos Esperanto-informojn en sia propra lingvo. La enirpaĝo tuj kondukas al la dezirata paĝo depende de la lingvo (kaj de la kodigo, en la kazo de diversaj nelatinskribaj lingvoj). Paĝoj en nelatinaj skriboj kaj kodigoj subtenas la kapablon de via foliumilo elekti taŭgan tiparon, per ekz-e "charset=KOI8-R".

"Esperanto.Net" gastigas ankaŭ jenajn utilajn retservojn kaj Esperanto-organizojn:

www.esperanto.net/veb/ — La Virtuala Esperanto-Biblioteko

www.esperanto.net/landling/ — Landoj kaj lingvoj de la mondo

www.esperanto.net/faces/ — Galerio de esperantistaj retanoj

www.esperanto.net/lsg/ — Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj

www.esperanto.net/espviva/ — Enkonduka koresponda E-kurso kaj povas gastigi ankaŭ viajn personajn, asociajn, aŭ aliajn Esperanto-paĝojn. Bonvenon al Esperanto.Net kaj al la multlingvaj Esperanto-informoj!

## Bulteno por UN

Mark Fettes (mfettes@magi.com) kunagordas novan iniciaton, nome la planatan eldonon de nova bulteno, "Interlingve", por UN-medioj, precipe en la fran-

ca kaj la angla, pri la lingva situacio en la mondo kaj la neceso konsideri Esperanton en lingvopolitika kadro.

La eldonanto estos la Koalicio por Internacia Lingvo. La bulteno, kiu aperos kvarfoje jare, dissendiĝos al ĉiuj naciaj misioj ĉe Unuiĝintaj Nacioj kaj al kelkcento da NRO-j. Individuoj povas aboni ĝin. Reta versio afiŝiĝas ĉe: www.interlingve.org.

## Konu Iranon

Irana Esperantista Junulara Organizo (IREJO) kun la subteno de Sabz Andishan Instituto aranĝos duon-semajnan E-ekskurson tra Khorasan provinco. Dum la ekskurso oni vizitos la urbojn Nishabuor, Mashad kaj Tus. Dato: 15-19 12 1997; Oni vojaĝos trajne kaj buse. Aliĝkotizo: 100 USD. Detalajn informojn petu de: Tel kaj Fakso: 0098 21 6236913; Rete: IREJO@neda.net; Poŝte: P. O. Kesto 17765-184, Tehrano, Irano.

## Esperantaj Familioj kunis

La 19a REF, Renkontiĝo de Eperantistaj Familioj, aranĝo iom nekonata ekster la rondo de la E-familioj, okazis en Savudrija, ĉe la sojlo de Kroatio, juliofine.

Ĉiutage komunis kantado, ludado, desegnado, kastel-konstruado por la infanoj el 30 E-familioj en unike Esperanta familiara etoso.

smg



## 50a I.K.U.E. Kongreso

La 50a Kongreso de IKUE okazis en Romo kaj Rimini de la 31a de aŭgusto ĝis la 7a de septembro 1997, havante temon "Iru do, kaj disciplígu ĉiujn naciojn".

Partoprenis pli ol 300 homoj el 22 landoj. ĉiutage oni celebris Sanktan Meson en esperanto. Historia evento estis la aŭdienco ĉe la Papo, la 3an de septembro. La Papo parolis en esperanto. Samtage okazis aŭdienco ĉe la Itala Respublika Prezidento, Oscar Luigi Scalfaro. La venonta kongreso okazos en Francio, Nantes, unu semajnon antaŭ la Uk.

## Projektpropono

Mi volas diveni ĉu eblas fondi profesian reton kiel projekton de IKEF (Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo). Jen skize la celon de la projekto:

La celgrupo estas la internacia komercistaro (ĉu E-parolanta aŭ ne). La perantoj estu bonaj Esperantistoj, nenecese komercistoj. Sed ili pro sia (eks)-

profesio ja posedu bonajn personajn kontaktojn en diversaj terenoj: registaro, aŭtoritatoj, komerco, industrio, servo-institucioj. La komercistoj aŭ industriaj entreprenoj kiuj volas establi rilatojn en iu lando kaj deziras informojn, helpon, kontaktojn... povas peti helpon de la peranto kiu disponigas sian rilataron al la kliento. La celo de tiaj kontaktoj povas esti importo, eksporto, kunlaborado, "franchising", loka produktado, komunagado ("joint-venture"), fondiĝo de filio, aĉeto de loka firmao...

Laborskemo

La kliento (petanto) petas helpon de samnacia IKEF-ano. Li tradukas la peton Esperanten kaj kontaktas 'retanon' en la cellando. Tiu faras la petitan kontakton, eventuale tradukas. Se estas lingvoproblemoj, la IKEF-anoj restas perantoj; se ne, la faritaj kontaktoj disvolviĝu direkte.

La kliento pagos tarifon por la IKEF-helpo.

Se vi interesiĝas pri la partopreno en profesia perada IKEF-reto, bonvolu skribi al mi poŝte aŭ fakse la jenajn personajn informojn:

1. Nomo, adreso, telefono, telefakso
2. (eks-)profesio, okupo
3. aĝo, ĝenro
4. kapableco pri kiaj kontaktoj
5. referencoj
6. IKEF-membrecoj: jes/ne

Inĝ. Kees RUIG, ĉambro de Komerco kaj Industrio, Poŝtfako 9292, NL-6800; KZ ARNHEM, Nederlando; telefakso: +31-24-3790506.

Roland ROTSAERT, Visspaanstraat 97, B-8000 Brugge.

## AIS San-Marino

Dum sia kunsido en Rimini, la senato de Akademio Internacia

de la Sciencoj (AIS) San Marino decidis aljuĝi la "Premion

Germain Pirlot 1997" al la Itala sciencisto Carlo Minnaja

pro lia "vocabolario italiano-esperanto" (vortaro itala-Esperanta).

Gazetara komuniko de AIS San-Marino, 1997-09-08.

## 18a studadsesio de AIS San-Marino

La 18a Sanmarineca Studadsesio de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San-Marino okazis de 08—30 ĝis 09—05 en la itala urbo Rimini.

Kadre de la inaŭguro, senatano OProf. Carlo Minnaja povis prezenti la ĵus aperintan libron "La kostoj de la Eŭropa lingva

(ne-)komunikado", eldonitan en la lingvoj Esperanto, angla kaj itala.

Emma Bonino, ano de la Eŭropa Komisiono, estis instiginta la verkon, kiu sub la redakto de nobelpremiulo Reinhard Selten en 14 kontribuoj esploras, kiom kostas la plurlingveco de la Eŭropa Unio kaj la nunaj metodoj por ties traktado.

Dum unu semajno la lernejo "Dante Alighieri" estis loko por kursoj kaj prelegoj en Esperanto. La Senato subskribis kontrakton kun UEA pri komunaj studadsesioj dum la UK-oj.

La sekvaj studadsesioj de AIS okazos en Paderborn (Germanio), Moskvo (Rusio), Bydgoszcz (Polio) kaj dum la UK en Montpellier (Francio).

## 6a Disseminario de IEJ

La Itala Esperantista Junularo okazigos en Treviso de la 5a ĝis la 8a de decembro de 1997, sian tradician vintran seminarion por aktivuloj el tuta Eŭropo, kun la celo diskuti pri movadaj problemoj. La temo estos "Rilato inter oriento kaj okcidento de eŭropo".

Ĉi-jare ni celas diskuti pri la eblecoj/problemoj kiuj kreiĝis dum la lastaj jaroj inter la du mondoj kiujn la muroj dividis ĝis la 90aj jaroj.

Kiujn strategiojn ni sekvu por utiligi nian lingvan avantaĝon kaj por plibonigi la rilatojn?? Ĉu ni povas helpi la junularojn tie kie ili plej malriĉas?? Kiel?? Kiel solvis la problemojn aliaj ne-profitocelaj asocioj??

La kotizo estas 80.000 lirojn, sed IEJ kaj TEJO sukcesis akiri subvencion por la Disseminario. Ĝin ni utiligos por repagi parte aŭ tute la vojaĝkostojn de eksterlandaj partoprenantoj. Tio dependos, kompreneble, laŭ la nombro de la partoprenontoj ne-italaj. Pliajn informojn vi trovos sur la TTT-Paĝoj de IEJ aŭ vi povos peti de HEF.

## Kongreso

De la 26a ĝis la 28a de septembro 1997 okazis en Oostende, Belgio, la Markola Kongreso. La Oostenda E-grupo La Konko organizis ĝin okaze de sia 10-jara ekzisto. Partoprenis homoj el la najbaraj regionoj (Belgio, Francio, Britio), sed ankaŭ el Germanio, Benino kaj Kubo.

## Ĉapelilo

Ĵus aperis versio 2.1 de ĉapelilo, kiu regalas la uzanton per 3 novaĵoj: la uzanto povas uzi sian kutiman klavaron aŭ apartan Esperanto-klavaron. Eblas ĉifri la tekstojn per persona kodo. eblon eksporti al Unikodo.

## Vualo de l' silento

Ĵus aperis ĉe SAT tre aktuala libro, "Vualo de l' silento", de Djura, kabila kantistino, kiu rakontas pri siaj propraj spertoj kaj la terura situacio de la islama virino. Libro leginda se oni deziras iom pli bone kompreni la aktualan situacion en plej multaj el islamaj landoj.

Mendu la libron ĉe la libroservo de HEF.

## Sukcesa JET

En la Nigra Arbaro renkontiĝis pli ol 60 junuloj el naŭ landoj por sperti novan eksperimenton: Junularan Ekumenan Tendaron por kanti, ludi, danci, kaj preĝi. Komuna lernado de Esperanto helpis transiri la lingvajn barojn kaj instigi al pli profunda internacia komunikado.

La sukceso instigis la organizantojn okazigi novan JETon inter la 10a—16a

de Augusto 1998 en la frata komunumo de Taizé en centra Francio. Informas: pastro Bernhard Eichkorn; Romaeusring 20; DE - 78050; VS - Villingen; tel ++49 7721 22073.

## Barcelono kaj UNESKO

La Ĝenerala Asembleo de UNESKO (97.11.12) decidis patroni la Universalan Forumon de la Kulturoj, okazonta en Barcelono en la jaro 2004.

La eventon plene apogas kaj la ŝtata (tuthispana) kaj la kataluna registaroj. La celo estas konstrui "kulturon de paco".

La forumo daŭros 150 tagojn kaj fakte funkcios ekde la jaro 2001, kvankam jam en 1998 oni laboros super la projekto pere de "virtuala forumo".

Okazos internaciaj kunvenoj, debatoj, ekspozicioj, spektakloj, premioj, tv-programoj, ĉio en la kadro de tutmonda interagado.

Unu el la ĉeftemoj estos la lingvoj de la modo. Oni defendos la rajton de ĉiuj lingvoj esti en Interreto, kaj oni antaŭvidas la ĉeeston en Barcelono de po unu hom-paro de ĉiu lingvo de nia planedo.

Liven Dek

## Unua libro pri la eŭro

Pri la historio de la eŭropa monunuigo kaj ĝiaj pluaj paŝoj, la ecoj, avantaĝoj kaj malavantaĝoj de la eŭro, la leĝaj kaj praktikaj aspektoj, la enkondukaj kostoj kaj problemoj por privatuloj kaj kompanioj, aperis nova libro. Ĝin originale verkis projektgvidanto pri enkondukado de la eŭro en granda belga asekura kompanio. La enhavo estas aktuala ĝis la lasta momento, la 8an de oktobro 1997. La libron ilustras la eŭrobiletoj kaj -moneroj, la eŭrosimbolo kaj pluraj tabeloj.

Mendu la libron ĉe la libroservo de HEF.

## Buroa stato

E.R.A. "espERAnto" Radikala Asocio oficiale petis al la "Eŭropa Buroo por la Malpli Disvastiĝintaj Lingvoj" ke Esperanto eniru ĝin, laŭ ĉiuj efikoj de la funkcia mekanismo. Dokumento prezentita de Giorgio Pagano, la sekretario de E.R.A.

ERA estas la unua eŭropa asocio kiu respondas al la alarmo lanĉita de prof-ro Krauss (Fairbanksa Universitato, Alasko) pri la morto de preskaŭ 2000, de la 6000 lingvoj de la mondo kaj pri la antaŭvidebla malapero de 90 procento de la monda lingvokultura havaĵo ĝis la venonta jarcento.

Fronte al tiuspeca perspektivo, laŭ kiu, evidente, la unuaj mortontoj estas la minoritataj lingvoj, ni pritaksis nepre grave la komunan kunpremiĝon de ĉiuj minoritataj lingvaj realaĵoj, sendepende de iliaj originoj.

Se vivanta homo naskita per provtubo devas posedi ĉiujn rajtojn kiel la "laŭnature koncipita", ankaŭ minoritato kun diaspora karaktero kiel la esperantista kaj Esperanto-parolanta, (kvankam naskiĝinta ne el teritoria estaĵo sed el

kultura bezono, iĝante fakta minoritato) kiel ĉiuj aliaj, havas la rajton sin defendi kaj esti defendata.

— Eŭropa Parlamento en sia oficiala dokumento (Opinio Patterson de la 1980.07.09, PE 64.563/def) asertis, ke en Eŭropo la uzantoj de la lingvo Esperanto nombras preskaŭ 10 milionojn da homoj;

— jam ekde kelkaj jaroj Esperanto estas agnoskata kiel literatura lingvo de PEN-Klubo Internacia;

— la itala Ministerio pri Publika Instruado (dua nur post la finnlanda) dediĉis al tiu idiomo eseon de preskaŭ 40 paĝoj kaj dissendis ĝin al ĉiuj lernejoj de la Itala Respubliko la 10an de aprilo 1995 (Oficiala Bulteno de Ministerio de Publika Instruado, n-ro 21-22, 1995);

— la Sankta Papo uzas Esperanton, seninterrompe ekde la jaro 1994, inter tiuj, tre malmultaj lingvoj de la mondo (kvindeko), per kiuj ĉiujare disdonas la kutimajn "benojn" "urbi et orbi" okaze de Kristnasko kaj Pasko.

Ĉio dirita - kune kun la fakto ke, jam de tri jaroj, ERA plutenas formalajn interrilatojn kun la Itala Komitato de la "Buroo" — permesas al ni opinii ke ekzistas kialoj, pli ol konkretaj, por akcepto de nia peto.

Giorgio Pagano

## Esperanto ne plu necesas.

La ĉi-semajna radioelsendo de la Voĉo de Ameriko (the Voice of America) informas ke la usona firmao "Gaya", jus anoncis la lanĉon de Universala Tradukilo (the Universal Translator), kiu ebligas al usona turisto estante, ekzemple en Brazilo, Tajlando aŭ Ĉinio komunikiĝi kun kiu ajn sen ajna problemo.

Se vi imagis grandegan libron aŭ komplikan kaj multekostan elektronikan aparaton, vi eraris.

La "Universala Tradukilo" estas samgranda kiel vojaĝ-bileto (sed estas ankaŭ la modelo por monujo), kaj kostas nur ses usonajn dolarojn.

Kio estas la sekreto? Bildoj! Ĝi estas faldebla karto kun centoj kaj centoj da desegnaĵoj pri ĉio ajn imagebla. Manĝaĵoj, aŭtoj kaj eĉ kondomo estas troveblaj...

De nun, ĉio kion turisto devas fari, estas voki kiu ajn sur la strato, montri la taŭgan bildon, kaj rideti...




## Muziko

Edurado Vargas, t.e. Solo, jus lanĉis sian novan kasedon registritan per la moderna sonsistemo DDD. La kasedo enhavas novan version de "La Espero". Ĝi daŭras unu horon kaj oni povas akiri ĝin, kune kun la tekstoj de la kanzonoj, ĉe la libroservo de HEF, aŭ rekte ĉe la aŭtoro: Ayala 3; 29002 Málaga.

Cetere Solo partoprenis en nacia konkurso organizita de la revuo "Future Music", tre alte taksata revuo kun pli ol 100.000 legantoj. La premio konsistis en la apero de artikolo kaj foto de la gajninto en la oktobra numero de la revuo. En la k-disko, kiu akompanas la revuon, aperas unu kanzono de nia kantisto, kompreneble en Esperanto!

Aĉetu la revuon "Future Music" en ajna gazet-budo. Vi povos ne nur legi pri la e-muziko, sed ankaŭ aŭskulti interesan K-diskon kun E-kanto de Solo.

## Manuel de Seabra

La 18an de novembro je la 7a vespere, organizita de la Korporacia Asocio de Verkistoj el Katalunio, okazos en la sidejo de la Ĵurnalista Korporacio de Katalunio (Rambla de Catalunya 10, pral.) ronda tablo pri la verkaro de Manuel de Seabra. Ĉeestos Herbert Mayer (Direktoro de la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno) pri "La rolo de Esperanto en la verkaro de Manuel de Seabra"; Eduardo Mayone Dias pri "La Katalunio de Manuel de Seabra"; Basilio Losada de la Barcelona Universitato; Dimiter Ánguelov (Portugallingva Universitato pri Humanistiko kaj Teknologioj el Lisbono) pri "Portugalio en la verkaro de Manuel de Seabra; kaj August Bover el la Barcelona Universitato pri "Manuel de Seabra en la kataluna literaturo".

## Lingvistika konferenco

Inter 16—18 de aprilo 1998 okazos en Szombathely (Hungario) la 8a Kongreso de Aplikata Lingvistiko. La kongreson organizas la nova universitata katedro de nia pedagogia altlernejo, ĝia ĉeftemo estas: La lingvo kiel intelekta kaj ekonomia kapitalo.

La kongreson partoprenos ĉ. 300-400 en- kaj eksterlandaj lingvistoj kaj lingvoinstruistoj, reprezentiĝos kaj prelegos ankaŭ la kulturministro kaj aliaj respondeculoj de la ministerio. La laboro disvolviĝos en 18 sekcioj, ni antaŭvidas ĉ. 200 prelegojn kaj rondtablajn diskutojn. La materialo de la kongreso aperos ankaŭ libroforme. Gravaj eldonejoj kaj lingvolernejoj havos ekspozicieblojn.

La lasta aliĝdato por la prelegontoj estas la 15a de januaro 1998. Por pli detalaj informoj kaj konsiloj turnu vin al HEF.

## E-afiŝo en ĉiu mezlernejo!

Danke al la financa subteno de la Hungara E-Junularo, HEJ en la budapeŝta E-Domo (komuna ejo por HEJ, Fondaĵo Esperanto, kaj redakcio de Eventoj) estis pretigita kolora afiŝo en formato A-3 pri la ekzisto kaj avantaĝoj de Esperanto. Ĝi estis dissendita al ĉiuj 800 mezlernejoj de la lando (kun akompana letero al la direktoroj), kaj ankaŭ al ĉiuj ĉ. 700 membroj de HEJ, petante ilian helpon en la afiŝado en mezlernejoj kaj universitatoj.

La rezulto: amaso de telefonvokoj kaj leteroj, informantaj pri la apero de la afiŝoj sur la murtabuloj de mezlernejoj, telefonvokoj de lernantoj kaj de lernejaj instruistoj, petantaj pliajn informojn pri

la lingvo kaj pri eventualaj kurso-startigoj!

En Hungario Esperanto estas agnoskata kiel viva lingvo, kaj la mezgrada ŝtata lingvo-ekzameno estas same valora kiel tio pri la angla, germana aŭ aliaj lingvoj. (La ŝtata lingvoekzameno valoras pluspoentojn ĉe la abiturienta kaj ĉe la universitata akcepta ekzameno, kaj estas kondiĉo por ricevi universitatan diplomon).

Laszlo Szilvasi

## Interreto Aŭdio

De la 20a de oktobro 1997 Pola Radio ĉiutage aŭdigas 4-minutan programeron en E-o per la reto. Ĉi tiu iniciato ebligas la aŭskultadon en la tuta mondo je kioma ajn horo tage aŭ nokte.

De la reagoj de niaj ret-aŭskultantoj dependos, ĉu de la 1a de januaro 1998 - komenciĝos aŭ ne komenciĝos plena duonhora radioelsendo. Do, Pola Radio petas, ke oni sendu al la adreso: pettyn@radio.com.pl - respondojn al la demandoj:

- Kion vi pensas pri la signifo de la nova iniciato de Pola Radio por la globskala informado?
- Kion vi pensas pri la longeco de ĉi tiu nuna 4-minuta programero de Pola Radio en E-o? Kion vi opinias pri eventuale plilongigo? Se jes, kiaspecajn programerojn vi dezirus aŭskulti en tiu plilongigota programero (radioelsendo) en E-o?
- Kion pri Pollando vi dezirus ekscii per la E-elsendoj de Pola Radio?
- Kion vi opinias pri la nuna stato de la informado pri Pollando en via lando? Ĉu ĝi estas kontentiga aŭ ne? Kian rolon en tia informado povus ludi la plivastigitaj E-elsendoj de Pola Radio en la reto?

La adreso de la reta 4-minuta radioelsendo en E-o estas jena:

http://www.wrn.org/stations/poland.html

Andrzej Pettyn

## Francaj fervojistoj

La francaj fervojaj esperantistoj okazigos jarkunvenon de la 31a de aprilo ĝis la 5a de majo en la ĉemara urbeto "Plestin-les-Greves" (norda Bretonio).

En la programo estos, interalie, vizitoj de ĉemaraj kaj historiaj lokoj. Informas: Jean ROLLAND; Le Beudrec; FR-56950 Crac'h; Tel :+33-2-97551755.

## Esperanto-Centro stablita

Ĵaŭde la 30an de oktobro fondiĝis Irana Esperanto-Centro. La honora gasto estis s-ro Aref Azari, verkisto de la Granda Persa-Esperanto-Persa vortaro.

La centro tegmentas plurajn asociojn: Sabz Andishan Instituto(SAI), Irana Esperantista junulara Organizo(IREJO), prepar-komitato de Irana Esperanto-Asocio(IREA).

En la centro disponeblas retpoŝto kaj telekopiilo, biblioteko, Libroservo, diversaj E-kursoj kaj konstantaj semajnaj kunvenoj. Adreso: Irana Esperanto-Centro; P.O. Kesto 17765-184; Tehrano; IREJO@neda.net.

M.Reza Torabi, Direktoro.

## Reklamo

Fuji Xerox, granda informfirmao en Japanio, aperigis tutpaĝan reklamon japanlingvan (40 cm x 55 cm) de Zamenhof kaj Esperanto en la Japana Ekonomia Ĵurnalo (Nippon Keizai Shinbun), la plej granda ekonomia tagĵurnalo en Japanio. Duon paĝo estis por la foto de L. L. Zamenhof, proviziita de Japana Esperanto Instituto, kun titolo "Zamenhof, la Esperanto", kaj 1/4 paĝo estis por informi kio Esperanto estas kaj kiel kreema la ideo de internacia lingvo estas.

Alia 1/4 paĝo estas por la celita reklamo pri inform-administrada programo de Fuji Xerox, nomata "DocuCity", la komputila programo por kontroli SGML dokumenton.

## Alta Protektanto

La federacia prezidento de Germanio, prof. Roman Herzog, estos la Alta Protektanto de la UK en Berlino (1999). Laŭ sia akcepta letero al la prezidanto de Germana Esperanto-Asocio, Frank Stocker, li opinias ke "Universala Esperanto-Asocio de longe metas sian laboron en la servon de la interkompreniĝo de popoloj" kaj ke "Universalaj Kongresoj estas kolono de tutmonde ampleksa kunlaboro".

Herzog jam akceptis similan funkcion en 1996, por la 52-a Internacia Junulara Kongreso en Guntersberge.

Nova Retadreso de HEF info@esperanto-es.org

# Oferto

| Titolo | Aŭtoro | Prezo: normala | rabatita |
|---|---|---|---|
| Nuevo método de Esperanto | F. de Diego | 1.100 | 825 |
| Dulingva frazaro | | 30 | 23 |
| Diccionario Elemental | E. Tudela | 50 | 35 |
| Kiel fidela hundo | S. Ruiz | 500 | 350 |
| La arbo de la sciado | P. Baroja | 1.475 | 885 |
| Familio de Pascual Duarte | C.J. Cela | 1.000 | 700 |
| Orbito nula | Pluraj | 800 | 640 |
| La homa vivaventuro | G. Moyá | 950 | 808 |
| Pandemonio | Pluraj | 650 | 520 |
| Zamenhof bildrakonte | G. Tilleux | 1.250 | 1.063 |
| Almanako Lorenz' | | 560 | 448 |
| Aŭkcio de vivoj | Lukiano | 200 | 160 |

Al la menciitaj, rabatitaj prezoj oni devas aldoni la AldonValoran Imposton (h: IVA) kaj la sendokostojn.

Ne eblas aldoni ĉi oferton al aliaj ofertoj propon(i)(o)taj de Libroservo de HEF.






## Revuoj [1]

Ĉu iu esperantisto posedas liberan numeron de Monato 2/80? En tiu gazeto estas bildo pri mi kaj mia partnero, kiu faras akrobatajn numerojn. Mi iam perdis la gazeton. Ivar Nilsson, Klorvervagen 26, S-90352 Umea, Svedio.

## Revuoj [2]

Por bindigi kelkajn jarkolektojn de "der esperantist" kaj por ilin donace disponigi al bibliotekoj, mi serĉas jenajn numerojn: 34, 45 (2 ekz), 46 (6 ekz), 49 (4 ekz), 113/114, 119, 136 (4 ekz). Antaŭdankon pro viaj klopodoj. Dr. Detlev Blanke; Otto-Nagel-Str. 110, DE-12683 Berlin; Germanio.

## Pentrado

Pentra instruisto deziras instrui pentradon Eperante, en diversaj partoj de la mondo. Lia celo estas disvastigi E-on helpe de pentraarto.

Se oni deziras profiti ĉi eblecon kaj ricevi pliajn informojn bonvolu kontakti: Prof. M. P. Habibpur; P.O. Kesto: 14645-133; Tehrano; Irano; Telefono:+98 21 2067136; aŭ lia organiza adreso: Sabz Andishan Instituto; P.o. Kesto: 17765-184; Tehrano, Irano; Tel.Fakso: +98 21 6626913; RetpoŜto: IREJO@neda.net

## Poŝtmarkoj

S-ro Paul Hall-Smith el Usono ofertas malgrandan kolekton de raraj kovertoj kaj poŝtmarkoj de la jaro 1926a. Oni povas kontakti lin por ricevi kompletan liston ĉe: Paul Hall-Smith; 1305 Knollwood Court; Roswell, GA 30075 U.S.A.; Phone ( 770 ) 641-7504; retadreso: Brit43@aol.com

## Radio [1]

RAI, itala radio-televido jam uzas multajn satelitojn tutmonde, al Amerikoj, Azio, Aŭstralio kaj Afriko. En Romo oni pristudas la eblecon tiel sendi ankaŭ la radio-programojn internaciajn (kie nestas la esperantlingva). Por tion kuraĝigi, bonvolu skribi nacilingve aŭ esperante al D-ro Giovanni Celsi, RAI International, C.P. 320 Centro Corr., I - 00100 - ROMA, Italio

tel. +39-6-33542526 aŭ 33172270, fax. +39-6-33170767 aŭ 33172417

## Radio [2]

De la 26a de oktobro 1997 la E-Redakcio de Pola Radio komencos aŭdigi siajn E-elsendojn je la jenaj horoj kaj frekvencoj (la horoj estas laŭ la vintra mezeŭropa tempo):

06.30 h. - per satelito

15.30 h. - 41,18 m (7285 kHz); 41,99 (7145 kHz); 50.00 (6000 kHz)+ SAT

20.00 h. - 41,18 m (7285 kHz); 49,22 (6095 kHz); + SAT

22.30 h. - 41,27 m (7270 kHz); 49,22 m (6095 kHz); 49,71 (6035 kHz)

La elsendohoroj laŭ la monda tempo estas jenaj:

Andrzej Pettyn, estro de la E-Redakcio.

## Kontaktoj [1]

Nia klubo (Ora Pordego en Kievo) funkcias pli ol 15 jarojn. Ni interesiĝas pri historio, literaturo, arto. Ni eldonas nian kluban revuon "Kieva esperantisto". Ni serĉas klubkontaktojn kaj volas interŝanĝi literaturon, E-novaĵojn, revuojn. Nin in-

teresas ankaŭ perreta korespondado inter kluboj kaj ankaŭ inter niaj membroj. VladimirTokarev:(esper@ esptok.freenet.kiev.ua).

## Kooperativoj

Ĉu ekzistas kooperativoj, Esperantaj aŭ ne-Esperantaj, kiuj volas aperi en TTT-a listo? Mi kunlaboras por interligi finnajn kooperativojn interalie per Interreto. Ligoj de la TTT-paĝaro al aliaj landoj estas dezirataj. Ĉu Esperanto helpos por tio?

Nun ekzistas Esperantaj paĝoj kun kooperativoj (k.s.), kiuj uzas Esperanton. La adreso estas: http://event.jyu.fi/wuokko/esperant/ wuo_eo.htm

Ĉu vi povus helpi trovi kooperativojn, interalie tiujn, kiuj havas Interretajn adresojn (kaj kie la grandaj Eŭropaj lingvoj aŭ Esperanto estas parolataj)?

Kontaktu: Matti Lahtinen / Jyvaskyla, Finnlando. Retadreso: matlah@sci.fi



## Heraldiko

Aperis "Ilustrita vortaro pri Heraldiko" verkita de Nikolaj Starodubcev en sep lingvoj: angla, esperanta, rusa ukraina, franca, germana, latina. La libro ( 20x13 cm) prezentas 1005 terminojn kaj la kovrilo estas firma kaj kolora kun plasta kovraĵo. Mendu ĉe la libroservo de HEF.

## • La angla... malpermesita

*Prof. LEE Chong-Yeong*

Uzo de anglalingvo kiel instruadlingvo estas malpermesita en Hongkongo.

Ĝis nun, anglalingvo estas instruadlingvo en lernejoj en Hongkongo. Sed, la nova Hongkonga registaro sub Ĉinio anoncis en la 26 de Septembro ke ekde venonta jaro ĉiuj mezlernejoj, escepte de lernejoj por alilandanoj, devas uzi ĉinan lingvon kiel instruadlingvon. La estro de la Edudkadburoo avertis ke la lernejoj, kiuj ne agos konforme al la ordono ne ricevos ŝtatan subvencion, estos punita per monpuno kaj la lernejestroj povos esti eĉ arestitaj.

Laŭ la ordono, ekde de la venonta jaro, almenaŭ unu modela studsubjekto por 12-jaraj studentoj aŭ malpli junaj estos instruitaj en Ĉina lingvo en ĉiu mezlernejo, kaj la deviga studaĝo laŭgrtade altiĝos. La registaro ne ŝatis la fakton ke la plej multo da mezlernejaj studentoj parolas "Ĉingliŝ" (Chinese + English).

## LERT

Liberecana Esperanto-Reto Tutmonda ekaktivas de oktobro kaj estas provizore kunordigata de LEG (Liberecana Esperanto-Grupo). La fonda kunveno de LERT okazis en katalunaj pirineoj la 20an kaj 21an de septembro.

Informas: P/a Canal Sud; 40 rue Alfred Duméril; FR-31400 Toulouse; canalsud@worldnet.fr.






⊛ Komencanto vivanta en Almato, Kazaĥio volas havi multajn amikojn. Mi laboras en librejo kaj studas ekonomion. Miaj hobioj estas: foti, badmintono, lingvistiko, vojaĝi. Mi tre ĝojus ricevi leterojn kaj klopodos respondi al ĉiuj. Gauĥar Kudekovoi, u. Almato 48005, str. Sofji Kovalevskoi 167, Kazaĥio.

⊛ Ni estas 13-25 jaraj geknaboj. Ni volas korespondi esperante. Ni estas gelernantoj. Ni nepre respondos. Vi povos korespondi kun knabo aŭ knabino. Al ni plaĉas muziko, sporto, naturo, korespondi kaj fotografio. Skribu al ni per la jena adreso: Onute Skinkyte, Topoliu 8-18, 4580 Alytus, Litovio.

⊛ Du esperantistoj el Brazilo, 20-jaraĝaj ĝemelaj fratoj deziras korespondi kun junuloj aŭ junulinoj super 17 sub 25 el via lando, celante kulturajn kaj intelektajn interŝanĝon kaj amikecon. Ambaŭ studentoj el Federala Universitato de Rio de Janejro. Marcel frekventas la Fakultaton de Odontologio kaj Michel la Fakultaton de Kemia Inĝenierarto. Anoj de Niteroi-Esperanto Klubo, en la redaktado de ties monata bulteno ni partoprenas. Ni ankaŭ ŝatus ricevi vian bultenon. Ni preferas korespondi per faksilo, ĉar ne multekostas kaj multe pli efikas ol letero. La numero estas +55 21 712 2861. Se vi ne havas propran, uzu faksejon en la poŝtoficejo. Nia adreso estas: Marcel kaj Michel Souza Marques, Rua Luis Nunes, 40 Rocha, Sao Goncalo - RJ, 24421-360, Brazilo.

⊛ Mi estas fraŭlino kaj aĝas 17. Mi estas studentino. Al mi plaĉas vojaĝoj, lingvoj, klasika kaj moderna muzikoj, literaturo, dancoj, psikologio kaj astrologio. Mi deziras trovi amikojn, kiuj aĝas 17-24 jarojn. Olga Poleŝĉuk, Spartaka 16-90, Novosibirsk 630007, Rusio.

⊛ Mi estas albano, kiu ĵus komencis lerni Esperanton, kaj mi ŝatus korespondi kun ĉiu ajn. Lefter Alla, ILKF "Vojo Kushi", Tirana, Albanio.

⊛ 18-jara studento en pedagoga instituto deziras korespondi kun ĉiuj. Nur antaŭnelonge mi komencis lerni Esperanton aŭtodidakte. Ĝi tre plaĉas al mi, sed mi estas ankoraŭ diletanto. Miaj interesoj: Lingvistiko, vojaĝoj, literaturo, historio, kulturo, politiko, poŝtmarkoj pri arto kaj aŭtomodeloj. Anton Golodnov, Timirjazeva 2-20, Orenburg 24, 460024, Rusio.

⊛ Fraŭlino ŝatus korespondi por interŝanĝi poŝtmarkojn kaj bildkartojn. Mi dezirus ekkoni vian landon perletere. Atendas vian leteron: Maria de Los Angeles, Gonzalo de Quesada 74, Sagua la Grande Villa Clara, C.P. 52 310, Cuba.

⊛ Por fondi E-familion (aŭ almenaŭ amikiĝi) mi deziras havi kontaktojn kun viroj pli ol 45 jar-aĝaj. ĉefa afero — via animo, intelekto, edukado, — nur poste la profesio, nacieco, mono. Mi estas rusino, loĝas en Moskvo, kun multaj interesoj, kun bona karaktero. Bv. skribi! Skladnova Irina, Brjusov per. 17-9, RU-103009 Moskvo. Hejma telefono: +7-095-1102788




*Miguel Fernández*

Karaj gekongresanoj:

Miaflanke, ne eblus ion diri pri mia agado sur la kampo de la originala literaturo en esperanto sen paroli pri nia ibera kultur-rondo. Ĉe niaj relative oftaj kontaktoj, jen vid-al-vidaj, jen telefonaj, mi ricevadas spiritan riĉon, plipotenciĝas mia verkemo kaj plenumiĝas mia sento de vera amikeco. Multfoje mi asertas, ke se ne ekzistus ĉi grupo, ni devus ĝin inventi. Se ne ekzistus ĉi grupo, eĉ ne la duono de miaj kreaĵoj realiĝintus.

En la nuna stadio de la esperanta beletro la izoleco de niaj beletristoj estas plej atakenda viruso. Ajnan idiomon oni devas ne nur uzi, sed, pli grave, travivi. Tion ja etnolingvaj kolegoj povas praktiki ĉiutage senpene kaj senĝene. Sufiĉas al ili promeni surstrate, metroi, bierumi aŭ, simple, ŝalti la stultan skatolon en la hejmo por palpi la pulson de sia verkolingvo, por ensorbi la esprimivon de la nuntempo. Esperantaj verkistoj, tamen, povas ion tian sperti nur disfoje kaj en nur tre specifaj —ni diru festaj— cirkonstancoj —nome kongresoj kaj renkontiĝoj—, kies escepta karaktero havigas la ŝancon ekzerci, ĉefe, esceptan lingvaĵon. Sed verkisto bezonas disvolvi la lingvon de la ĉiutageco por rakonti kaj la lingvon de la animo por poezii. Tian ĉiutagecon, ĉe ni ne ekzistantan, niaj verkistoj devas eĉ inventi. Ilia krea laboro do duoblas. Ili devas, krome, studi la nunan manieron aliri la homon kaj la mondon por evoluigi nian beletron, por ĝisdatigi tiun laŭe al la teknikoj aplikataj en la etnolingvaj literaturoj. Ili devas, plie, multflanke kontroligi siajn elplumaĵojn, ĉar kiel ajn altnivele oni posedas esperanton, neniu, krom denaskuloj, regadas ĝin kiel la propran lingvon. Ktp, ktp, ktp... Ĉu ne troa penado por izola beletremulo? Kompreneble, jes. Kaj tial ne malmultaj el niaj talentaj prozistoj kaj poetoj desperas, rezignas pri verkado, kio kaŭzas damaĝon al la progreso de nia literaturo.

Jen do la ĉefaj motivoj, kial ni proponas grupan agadon kiel labormodelon. Niaflanke, niaj streboj ĉi-rilataj kristaliĝis al pluraj verkoj, kies debuto havis lokon ĝuste ĉi tie en Valencio, en 1993, kadre de la 78a Universala Kongreso. Tiuokaze, nia kompano Abel Montagut diskonigis sian epokfaran *Poemo de Utnoa*; premieris, kun simfonia orkestro, ĥoro kaj solistoj, la kantato *La profil' de viaj spuroj* ŝprucinta el kunlaboro inter mi mem kaj la esperantisto-muzikisto Pedro Vilarroig; kvar iberiaj kolegoj,

nome Neves, Kamaĉo, Liven Dek kaj mi mem, prezentis la kvaropan poemaron *Ibere libere*, kiu elmontris niajn renovigemajn zorgojn sur la lirika tereno…

Nu, jam unu jaron pli frue, t.e. en 1992 ni, aŭtoroj de *Ibere libere*, flegadis novan projekton de kunlaboro multe pli profundan ene de la rakontistika sfero. Ni rigardis pasiiga la ideon noveli kvarope pri difinitaj temoj tiel, ke la rezulto konstituu serion da rakontaj panoramoj, ĉiu el ili observita el kvar diversaj anguloj. Panoramoj, cetere, tre specialaj, nome limo-atingaj homaj situacioj, kie la sentoj senbridiĝas. Ĉi lasta nuanco fontis el la neelĉerpebla sprito de nia Camacho, al kiu, krome, ŝuldiĝas la titolo: *Ekstremoj*, trifacete analizebla vorto tute laŭa al nia celo.

La unua temo, pri kiu ni verkis, estis *Malfidelo*. Neniam mi forgesos la momentojn da jubilo pasigitajn, kiam ni, kunvene ĉe teraso en Las Ramblas de Barcelono, legis niajn priajn kontribuojn. Ni surprizis nin reciproke. Kvankam ĉiu el ni jam antaŭe bone konis la beletrajn emojn kaj stilajn trajtojn de la ceteraj, neniu el ni povus atendi tiel originalajn enfokusigojn, tiel ekstremecajn intrigojn, tiel buntajn solvojn.

La jubilo pliiĝis tuj poste ĝis paroksismo dum komuna vespermanĝo. Laŭlonge de ĝi ni proponis pliajn temojn kaj plej amuziĝis imagante eventualajn disvolvojn, kompreneble des pli groteskajn, ju pli grandis la nombro da vinglasoj englutitaj. Kiom da bonaj vibroj!

Tiele naskiĝis *Ekstremoj*. Same surprize kaj jubile mi traĝuis ĉiun novan kontribuon de miaj kompanoj. Ĉi-aspekte mi povas paroli senpartie, kvankam ne senpasie. Kiel profunde min impresis la laboroj ne de miaj amikoj Jorge, Gonçalo kaj Miguel, sed de la sampersonaj ĝismedolaj verkistoj! Lingva belo, fajna ironio, homeca tenero, enorma imagpovo, vort-uza kaj teknika virtuozeco, nuntempeco, aŭdaco… Jen kelkaj el la ĉefaj bonoj troveblaj en la *Ekstrem*-eroj far tiuj tri kunaŭtoroj. Nur malofte en Esperantujo novelo-gustumantoj ricevas tiuspecan donacon.

Rilate al mia propra kontribuo, ĝin mi pritraktos mallonge, ne valor-juĝe, kompreneble, sed nur informe.

Mian laboron, entute, mi prenis kiel ekzercon pri rakontistiko. Tio signifas, ke ĉiu el la ok temoj komune proponitaj sugestis al mi plurajn intrigojn, el kiuj mi elektis ĉiam la plej kompleksan kun la celo esplori kaj praktiki laŭeble grandan nombron da rakontaj solvoj kaj apliki ĉiukaze la plej adekvatan teknikon.

En mia kontribuo, do, mi strebis al stila diverso. Tial vi trovos en ĝi rakontojn kun stiloj mi- aŭ li-forma, nerekta libera, epistola, lirika ktp. Vi trovos ankaŭ pecojn konceptitajn kiel internajn monologojn apud malpli avangardaj tekstoj. Bele, se vi trovos, precipe, ioman plezuron ĉe tralego de miaj noveloj. Rilate al la laboroj de miaj kompanoj, mi povas esprimi ne nur la deziron, sed la certecon, ke vi delektiĝos per ilia prozo majstra kaj modela.

Koran dankon al vi ĉiuj pro viaj ĉeesto kaj atento.







*Reinhard Haupenthal*

Miguel Fernández: *El miaj sonoraj soloj. Poemoj 1992-1995.* Vieno: IEM 1996. 100p (Serio Originala Literaturo. 17).

Ĉi libro povus aparteni al la gemoj Stafeto-seriaj de nia kar-memora Régulo: 100-paĝa, avangarda, poezia kaj lingve superba, ĝi disponas pri ĉiuj kriterioj por paradi inter la famaj, sed jam forgeso-falaj Beletraj Kajeroj. Ĝi prezentus eĉ aldonan atuton ne ĝisvivitan de la kanaria libro-majstro: Miguel Fernández estas sam-patrujano de Régulo kaj troviĝas inter ĉi manedo da iberianoj liberigintaj nian lingvon de la misimpreso, ke ĉi-duoninsule la kulturaj esperantistoj limiĝas al la eterna duopo Régulo kaj de Diego…

De kiam nia lingvo eniris la duan sekolon de sia ekzisto, ni scias, ke la klasikan ambaŭon kompletigas Jorge Camacho, Miguel Gutiérrez, Abel Montagut, Gonçalo Neves kaj… Miguel Fernández.

Ĉi-lasta superas la aliajn laŭaĝe, sed neniel malsuperas ilin laŭ sia staturo poeta kaj poezia. Male, en li ŝajnas kombiniĝi ĉiuj kvalifikoj bezonataj por iĝi granda poeto: alt-grada sensivo pri ĉio bela kaj bona en la homa (ge)vivo, muzika sentemo travibranta ĉiun vorton kaj linion, estetiko lingva, malkonvencio bilda, tropa kaj vers-fara kaj —ĉu antaŭ, ĉu aldone al ĉio— Esperanto kiu ŝveligus de fiero eĉ la modestan hebreon bjelostokan…

La poemaro dividiĝas tri-ciklen kun la ĉef-temoj: amo, sociaj temoj (La *opaj* poemoj efektive montras la aŭtoran sintenon pri sociaj temoj, laŭ moduloj sarkasmaj, admiraj aŭ korpremaj", p. 12), omaĝoj.

Aldona art-verko montriĝas la kompleksa "Prezento" de Antonio Valén (p. 5-15) konfirmanta la proverbon, ke por enamiĝinto Bagdad ne malproksimas. Entuziasmo kaj ditirambemo estas la pre-

face timataj riproĉ-epitetoj de ĉi paĝoj. Kvankam jes ja Valén ekstazas ĝis frenezo-rando, lia verko prezentas gravan inicon en la poezian mondon de Fernández. Tiel ĝi vidiĝas ariadna fadeno, komprenkleo kaj agordo por eniri la sonorajn solojn de la poeto. (Alian aliron al la lirika itinero de Fernández liveras G. Neves en la aperonta fest-libro *Menade bald pŝki bal*).

La recenzisto, anstataŭ parafrazi la valoran valénaĵo, prefere turnu la atenton al du aliaj aspektoj ĉi-verkaj. Al mia amiko Vatré mi dankas liston de "movindikaj adverboj" en ĉi poem-kolekto. Efektive, ties sistema trastudo rivelas apartan trajton de la fernándeza liriko kaj lingvaĵo: ties dinamikon. Iuj el ĉi adverbaj formoj ŝajnas tradiciaj kaj neniel ekscitaj: surplanken, tien, transmaren. Aliaj surprizas: ĉiel-koren, inkujen, oliv-arben, poemen, vorten, zeniten. Multaj absolute novas kaj unikas: balosinen, bodisatven, miacentren, saŭdaden, transamen. Ili montras la vorto-krean forton, la vorto-dinamismon de la aŭtoro kiun konfirmas aliaj kunmetoj kaj derivoj. Historia vortaro korfirmus, ke multaj tiaj aperas unua-foje sub lia nomo. Lingve nur unu raspaĵo min ĝenas: la neprononceblo de la elizia artikolo en kunmetoj ĉi-specaj: Vane l' foresto spilis (23), Endas nur dreni l' koron (24), preni l' kison (26), faras travida l' tago (41), ktp. Sed oni certigis min, ke deklamate de la poeto, ĉi linioj neniel knaras aŭ misimpreson faras...

Se ĉikaneti: mi preferus unuecan ortografion por la uzo ligo-streka en vortoj kunmetitaj: kial (prave!) glavo-kvin' (19), anim-silkon (20), nimbo-radiojn (23), punc-matene (24), ktp., sed aliaj kun kilometriga efekto: amorvekaj (23) pacpagodo (23); amovazojn (23), lumradien (20). Sur p. 26 ni legas:

*lip-vindan, kor-tatuan, finofaran*

Nul motivo povus karigi ĉi arbitran jen-jenecon.

Sian eston esperantistan Fernández dankas al Ada kaj Gian Carlo Fighiera, la "esperantaj gepatroj" (Elvoka, p. 81-82) kiuj

*gepatris ankaŭ min,*
*florigis miajn sensojn*
*al la sonor' tutmonda,*
*al la cikut' plej dolĉa,*
*al ĉi frenez' aŭ amo: poezio.*

Sed la dominanta figuro restas la iberia superpatro Fernándo de Diego kiu resumas por Fernández la kvar elementojn de aero, tero, akvo, fajro: Ve, ke ĉi spirita patro tiel tarde filumis kaj laŭtigis la krion titanidan:

*... ido*
*ne de minora di' sed de diego.*

Kiel faris pli frue Camacho (*Sur la linio*) kaj Neves (alia omaĝito ĉi-libra) en *Kompreni*, ankaŭ Fernández glosas kaj

notas sur p. 92-98: la vort-glosaro dokumentas la pezan frajton lingvan kiu prezentos por multaj tohuvabohuan tabuon. Sed ĝi brile montras, kiel la poezio absorbis nian vorto-stokon kaj ĝin scias piroteknike sparkigi.

Por la filologo utilas la antaŭaj aperlokoj: ties traerpo povus montri, ĉu kaj kiel jam etapis la kontribuoj ĉi-volumaj.

Resume: ĉi-libron oni ne ĉesos frandi kaj ĝi metos la editoron de Nova Esperanta Antologio en selekto-dilemon. Espereble novaj volumoj sekvos en plua ritmo kvin-jara...

# Feliĉan jaron 1998!



La Estraro de HEF esprimas al la membraro sinceran bondeziron por la nova jaro. Feliĉon kaj sukceson en via esperanto-agado.

# Pri "centono"

*D-ro Carmel Mallia (Malto).*

Plustudanta la uzon de "centono", mi rifuĝis ĉe la grandioza PIV. Tamen mi trovis tujan kaptilon pro la diversaj vortoj proponantaj la signifon kiun mi serĉadis. Jam prezentiĝis al mi la morfemoj: cendo, centavo, centimo, kopeko, groŝo.

Nu "cendo" signifas centon de dolaro aŭ de guldeno; "centavo" signifas centon de eskudo; "centimo" signifas centon de franko; "kopeko" egalas al centono de rublo; "groŝo", al tiu de aŭstra ŝilingo. Do ĉiuj ĉi intercitilaj vortoj enhavas samegale la signifon de "centono".

Tamen, oni jam scias, ke en Esperanto la samaj vortoformoj kaj iliaj signifoj estas samaj por ĉiuj esperantistoj en ĉiuj landoj. Ekz. libro, iri, larĝa, ktp. restas tiel kaj havas la saman signifon por ĉiuj esperantistoj ĉie, ne ŝanĝiĝante laŭ la lando.

Sed miakaze, la ideo entenata en "centono" (= ĉiu el la centegalaj partoj de tuto, laŭ PIV) vestiĝas deiversmaniere laŭ diversaj landoj, kiel antaŭe mi jam klarigis.

Do mi kredas ke, laŭ la paradigmo "centimetro" (centi+metro, aŭ centigrado, centigramo, centilitro, kie "centi" estas vortero en mezurunuoj, kun la signifo "centono", laŭ PIV), ĉiu esperantisto devas uzi la formon centidolaro, (anstataŭ "cendo"), centiguldeno (anstataŭ "cendo"), centieskudo (anstataŭ "centavo"), centifranko (anstataŭ "centimo"), centirublo (anstataŭ "kopeko"), centiŝilingo (anstataŭ "groŝo"); kaj ankaŭ centiliro por la itala liro. Tiel oni uzos la fundamentan kaj aglutinan sistemon de Esperanto, sen enkonduki la siatempajn neologismojn. Tiel ankaŭ unuformiĝos por ĉiam komuna prefikso "centi".

Mi tute ne estas kontraŭ neologismoj, sed ĉi tie oni povas uzi formon pli konforman al la esperanta sistemo.

## JARABONOJ KAJ KOTIZOJ POR 1998

Hispana Esperanto-Federacio

| | |
|---|---|
| Ordinara membro (OM) | 4.000 |
| Ordinara membro (con tarjeta joven) | 3.600 |
| Kolektiva membro (KM) | 8.000 |
| Kolektiva membro (dek ekzempleroj) | 20.000 |
| Patrona membro (PM) | 8.000 |
| Emerita membro antaŭa al la jaro 1995 (EM) | 3.200 |
| Abonantoj el eksterlando | NLG 53 |
| **Universala Esperanto-Asocio** | |
| Membro-abonanto (jarlibro + revuo) | 5.700 |
| Abono al revuo *Esperanto* | 3.600 |
| Abono al *Kontakto* | 2.200 |
| Membro kun jarlibro | 2.300 |
| Membro kun gvidlibro | 900 |
| **Eventoj** (Rete: 45 NLG), (aere: 6.600) | 5.700 |
| Peras: HEF. | |
| **KAE-Informilo** | konsultenda |
| [P]: Santiago Torné; C/Roca, 22, 3, 1; 08208 Sabadell. | |
| **Heroldo de esperanto** | konsultenda |
| [P]: Luis Serrano Pérez; C/ Font Nova, 32; 08202 Sabadell; Tel. (93) 727 50 21. | |
| **Monato** (aere, 5.840) | 5.000 |
| La jaro (aere 1.030) | 750 |
| **El Popola Ĉinio** | 5.100 |
| [P]: Felix Gómez; Corbeta 8, 5A; 28042 Madrid. | |
| **Literatura Foiro** | konsultenda |
| [P]: Juan Azcuénaga, Gral Dávila, 127, portal 7, 2 I; 39007 Santander. Caja Postal n-ro 3548531 | |
| **Kajeroj el la Sudo.** (Trimonata) | konsultenda |
| [P]: José M. Bernabeu; Primo de Rivera, 8; 03360 Callosa de Segura (Alicante). Caja Postal 28.09.722.429. | |
| **La Kancerkliniko,** kvar numeroj | konsultenda |
| **Rokgazet'**. Kvar numeroj | 35 NLG |
| [P]: Nicolas Gil Carballo; Apartado 305; 24080 Leon. | |

### KIEL PAGI ABONON

Post enkontigo de la koncerna sumo, sendu ĉiam kopion de la pag-pruvilo kune kun noto klariganta la kialon de via pago, tio estas kion vi volas aboni, al la koncerna peranto. Atentu ke ne agi tiel, povus kaŭzi problemojn.




## Librotago

Por instigi al legado de libroj en la Internacia Lingvo, kaj okaze de la "Esperanta Librotago" kaj de la tradicia jul-festo (fino de jaro kaj komenciĝo de alia), la Libroservo de HEF donacos al ĉiu mendanto, de la 15a de decembro de 1997 ĝis la 15a de januaro de 1998, *rabatkuponon*, kies valoro estos 10 elcento de la aĉetitaj varoj.

La posedanto de rabatkupono rajtas depreni ĝian valoron de la kosto de estonta mendo, laŭ la kondiĉoj klarigitaj sur la kupono.

Okazon kaptu ĉe la kapo, ĉar la vosto esta glita...

Libroservo de HEF
Apartado 119
47080 Valladolid
Tel: 983-26-00-86
(kun aŭtomata respondilo)

# Aniĝilo kaj abonilo por 1998

(Foto)kopiu kaj poŝtu aŭ faksu al la HEF-oficejo. Bv. skribi klare.

**Personaj datenoj :**

Kompleta nomo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Annumero: . . . . . . . . . . . . . .
Adreso : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Poŝtkodo kaj urbo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Tel. : . . . . . . . . . . . . . . Naskiĝdato : . . . . . . . . . . . . Retadreso: . . . . . . . . . . . . . . .

**Aniĝo :**

- ☐ OM ordinara membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4 000 ESP
- ☐ kun junulkarto . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 3 600 ESP
- ☐ PM patrona membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8 000 ESP
- ☐ KM kolektiva membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8 000 ESP
- ☐ EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 3 200 ESP

Ĉiu ano ricevas *Boletín*; infanoj ĝis 12 jaroj *Juna Amiko*; junuloj inter 13 kaj 30 jaroj, *Kontakto* kaj *Koncize*. **PM**-anoj ricevas 5-centonan rabaton je mendoj de libroservo kaj je abono al *Eventoj*, *Esperanto* kaj *Kontakto*.

**Abonoj :**

- ☐ Boletín: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4 000 ESP aŭ 53 NLG
- ☐ Eventoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . ☐ surface: 5 700 ESP; ☐ aerpoŝte: 6 600 ESP
- ☐ Esperanto: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 3 600 ESP
- ☐ Kontakto: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2 200 ESP

**Pagmaniero :**

- ☐ Bankordone (nur por aniĝo; plenigu la malsupran formularon).
- ☐ Elspezo en konton 14.011.966 de Caja Postal (kunsendu spezilon).
- ☐ Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 375 ESP).
- ☐ Elspezo en la konton hefb-m de U.E.A. (kunsendu ĝirilkopion).

Dato : Subskribo:

---

## DOMICILIACIÓN BANCARIA

Banco o caja: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Dirección: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Código postal y localidad: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
C.C.C.: ☐☐☐☐ ☐☐☐☐ ☐☐ ☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐
entidad sucursal D.C cuenta

Muy señores míos:

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha: Nombre y firma del titular:

